3.ª Epoko * N.º 94 :: Marto * 1925 ::

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## Gramatikajoj

Mi legis en la lasta numero de LA SUNO HISPANA ke iaj gravaj esperantistoj konsultis al la Prezidanto de la Akademio se oni devas diri Iberia'n Konfederacio'n aŭ Ibera'n Konfederacio'n. Mi kredas ke la konsulto ne estas necesa. Oni vidas tion klare. Oni devas diri Ibera'n Konfederacio'n, kaj mi elmontros tion al vi.

La radikoj neniam varias. Tial la radiko de Ibera estas IBER.

Jen estas la pruvo: IBERo = Ibero; IBERa = Ibérico, ibérica; IBERio-ujolando = Iberia.

Se la adjektivo estus Iberia, la radiko estus necese IBERI, kaj tiel la vortoj Ibero kaj Iberio estus malbone konstruitaj. Pruvo: IBERIo estus *Ibero;* IBERIio aŭ IBERIujo estus *Iberia;* kaj ĉiuj scias ke oni ne uzas la jenajn vortojn, sed la antaŭajn.

Plie: Oni diras Iberio'n pro ĝiaj loĝantoj «Iberoj»; sed oni ne diras Iberianojn pro Iberio; tial *Ibérico* aŭ *Ibérica* estus IBERIA. Sed oni ne uzas la vorton Iberiano; *ankaŭ oni ne devas uzi la vorton IBERIA*.

## Cosas de la Gramática

He leído en el último número de LA SUNO HISPANA que algunos notables esperantistas han consultado al Presidente de la Academia si se debe decir *Iberia Konfederacio* o *Ibera Konfederacio.* Creo que la consulta no es necesaria. Esto se ve claramente. Se debe decir Ibera Konfederacio, y os lo manifestaré.

Las raíces no varían nunca. Por tal causa la raíz de *Ibera* es IBER.

He aquí la demostración: IBERo = Ibero; IBERa = Ibérico o Ibérica; IBERio-ujo-lando = Iberia.

Si el adjetivo fuese *Iberia*, la raíz sería necesariamente IBERI, y así las voces *Ibero* e *Iberio* estarían mal construídas. Demostración: IBERIo sería Ibero; IBERIio o IBERIujo sería Iberia; y todos sabemos que no se usan estas voces, sino las anteriores.

Además: Se dice Iberia (Iberio) por causa de sus habitantes los Iberos (Iberoj); pero no se les llama *Iberianoj* por causa del nombre *Iberio;* en este caso sí sería *Iberia* igual a Ibérico o Ibérica. Pero como no se usa la voz *Iberiano*, tampoco se debe usar la voz *Iberia*.

La Hispanaj esperantistoj estos ridinduloj antaŭ la Lingvakademia Prezidanto.

F. Miralles *(Hellín).*

---

Ni havas la plezuron aldoni kelkajn klarigojn, responde al S-ro. F. Miralles, kaj rilate al la titolo de Iberia Konfederacio.

S-ro. Miralles prenas kiel bazon la radikon IBER kaj ĉiuj liaj deduktoj estas perfekte ĝustaj laŭ gramatikaj principoj, sed li mem malfermas pordeton tra kiu oni ekvidas nian elirpunkton.

La unuaj laboroj faritaj por la sopirata unuigo de la esperantistoj de nia duoninsulo konkretiĝis en la «Unua diskutanta kunveno de esperantistoj de iberiaj landoj» daŭrigitaj poste en la Dua Kunveno kaj en la tria kaj kvara, kiuj prenis jam la nomojn de Unua kaj Dua Kongresoj de Iberiaj Esperantistoj.

Esperanto ŝirmas kiel filojn ĉiujn homojn, sen ia distingo pri raso, politiko aŭ religio kaj sammaniere la Konfederacio deziras enhavi ĉiujn, kiuj pro tia aŭ alia kaŭzo povas esti entenataj en la aro, kiu havas kiel esprimon la vorton Iberio. Ĉiuj naskiĝintoj en nia Duoninsulo, etnografie kaj geografie estas iberoj, tio estas apartenantoj al la ibera raso, sed tiuj de Gibraltar ne estas tiaj politike; tiuj de insuloj Balearaj, Kanariaj, Madera kaj ceteraj posedaĵoj, politike estas iberoj, la plejmulto estas ankaŭ rase, sed geografie, ne; kaj tiuj de Nordafriko, kies federaciojn ankaŭ ni enkalkulas, ĉar ili estas sub protektado hispana apartenas politike al Iberio, sed ne pro etnografio nek geografio, tial, por esprimi tiun tutaron ni ne trovis pli taŭgan vorton ol IBERIO, kvankam ne ĉiuj estas *iberoj*, farante abstraktiĝon pri raso, politiko kaj religio, sed ĉiuj iel apartenas al Iberio.

Los esperantistas españoles haremos el ridículo ante el Presidente de la Academia de la Lengua.

F. Miralles.

---

Tenemos el gusto de hacer alguna aclaración, contestando a D. F. Miralles, y con relación al título de la Confederación Ibérica.

El Sr. Miralles toma como base la radical IBER y todas sus deducciones están perfectamente ajustadas a los principios gramaticales, pero él mismo entreabre un portillo por el que se ve nuestro punto de partida.

Los primeros trabajos que se hicieron para la suspirada unión de los esperantistas de nuestra Península, se concretaron en la «Primera Asamblea deliberante de esperantistas de tierras ibéricas», continuados después en la Segunda Asamblea y en la tercera y cuarta, que han tomado ya el nombre de Primer y Segundo Congreso de Esperantistas Ibéricos.

El Esperanto cobija como hijos a todos los hombres, sin distinción alguna por su raza, política o religión, y de la misma manera la Confederación quiere comprender a todos los que, por uno o varios conceptos, se encuentren comprendidos en el conjunto que tiene por expresión la palabra Iberia. Todos los que han nacido en nuestra Península, étnica y geográficamente son iberos, es decir, pertenecientes a la raza ibérica, pero los de Gibraltar no lo son políticamente; los de las islas Baleares, Canarias, Madera y demás posesiones, políticamente son iberos, la mayor parte son también por raza, pero geográficamente, no; y los del Norte de Africa, cuyas federaciones también incluímos, por estar bajo el protectorado español, pertenecen políticamente a Iberia, pero no por la étnica ni la geografía; por tanto, para expresar ese conjunto no encontramos palabra mejor que IBERIO, aunque no todos sean *iberos*, haciendo abstracción de raza, política y religión,

Tial, do, ke la ĉefa kaj origina vorto estas *Iberio* el ĝi ni prenis la radikon *Iberi* por formi la adjektivon *Iberia*, kiu rilatas ne nur al la iberoj, tiuj de ibera raso, sed kun pli ampleksa signifo, al la iberianoj, al ĉiuj kies ĉefa trajto, almenaŭ de esperantista vidpunkto, rilatas al Iberio.

Post tiuj ĉi klarigoj ni esperas ke sinjoro Miralles konsentos, tamen ili ne estas baro por ke kelkaj esperantistoj estu sin turnintaj konsiliĝe al la Lingva Komitato, kies opinio estos ĉiam por ni treege respektinda.

LA REDAKCIO.

pero todos pertenecen de algún modo a Iberia.

Siendo, pues, la palabra principal y primaria *Iberio*, de ella tomamos la radical *Iberi*, para formar el adjetivo *Iberia*, que se refiere, no sólo a los iberos, a los de raza ibérica, sino con significación más amplia, a los iberianos, a todos aquellos cuyo rasgo principal, al menos desde el punto de vista esperantista, se refiere a Iberia.

Con estas aclaraciones creemos estará de acuerdo el Sr. Miralles; sin embargo, no son obstáculo para que algunos esperantistas hayan elevado consulta al Comité de la Lengua, cuya opinión será para nosotros siempre respetabilísima.

LA REDACCIÓN.

---

En tiu-ĉi numero ni havas la nemezureblan ĝojon publkigi la portreton de nia karega amiko kaj kunlaboranto S-ro. Andrés Piñó, animo, vivo kaj apogilo de LA SUNO HISPANA, delegito de U. E. A. en Valencio kaj pioniro de la movado esperantista en nia regiono.

Viro klera, kaj laborema, spirito malfermata al ĉiuj noblaj ideoj, en sia bonkredita advokata oficejo ĉiam li estas je ĉies dispono, sed kiam vizitas lin iu portanta verdan stelon aŭ prononcanta kelkajn vortojn de nia bela helplingvo, tiam liaj boneco kaj ĝentileco estas senlimaj.

De post la milito, la esperantista movado en Valencio estis letargiĝinta, sed




En este número tenemos la inmensa satisfacción de publicar el retrato de nuestro queridísimo amigo y colaborador, D. Andrés Piñó, alma, vida y sostén de LA SUNO HISPANA, delegado en Valencia de la Asociación Universal Esperantista y campeón del movimiento esperantista en nuestra región.

Hombre ilustrado y laborioso, espíritu abierto a todas las ideas nobles, en su acreditado despacho de abogado está siempre a disposición de todos; pero cuando le visita alguien llevando la estrella verde o pronunciando algunas palabras en nuestro hermoso idioma auxiliar, su bondad y atenciones son ilimitadas.

A partir de la guerra, el movimiento esperantista en Valencia había quedado

lia entuziasmo sciis serĉi iniciativojn, lia agemeco trovis rimedojn kaj lia sperto donis al li la metodojn por veki la dormiĝintajn korojn, kiuj ne povis rezisti tiel persistajn alvokojn kaj al li oni ŝuldas tutan propagandon kaj tutan aktualan kreskantan movadon.

Multe pli ni povus diri, sed ni timas vundi lian modestecon kaj ja lia meritplena laboro estas bone konata tiel en Hispanio, kiel fremlande.

En sia notindega konferenco li sciis reliefigi la nepran bezonon de Esperanto kiel neŭtrala lingvo kaj de homa societo kapabla kunligi ĉiajn homojn, super iliaj egoismoj, kies tipo kaj modelo estas Universala Esperanto Asocio.

Ni kopias el urba gazeto mallongan raporton pri la konferenco.

aletargado, pero su entusiasmo supo buscar iniciativas, su actividad halló los medios y su experiencia le dió los métodos para despertar los dormidos corazones, que no han podido resistir tan persistentes llamamientos y a él se debe toda la propaganda y todo el actual y creciente movimiento.

Mucho más pudiéramos decir; pero tememos herir su modestia y en verdad su meritísima labor es bien conocida, tanto en España como en el extranjero.

En su notabilísima conferencia supo hacer resaltar la imprescindible necesidad del Esperanto como idioma neutral y de una sociedad humana capaz de reunir a todos los hombres por encima de sus egoísmos, cuyo tipo y modelo es la Asociación Universal Esperantista.

De un periódico de la localidad copiamos una breve reseña de la conferencia.

## PAROLADO DE S-RO. ANDRÉS PIÑÓ EN SCIENCA ATENEO

La 6an de tiu-ĉi monato, nia nelacigebla amiko faris paroladon en la Valencia Scienca Ateneo pri la temo «Utilecon atingotan de la ekzistado de internacia neŭtrala asocio taŭga por ĉiuspecaj vivceloj».

S-ro. Piñó, post mallonga antaŭparolo, rimarkante ke lingvo kaj asociemo estas la ĉefaj fundamentoj favorantaj la progreson de l'Homaro, studis la Ŝtaton, kiel juran individuon, montris la logikan kontraŭdiron rezultantan kompari ĝian agadon, en rilatoj kun la aliaj ŝtatoj, ĉar la Ŝtato devigas al ĝiaj regatoj respekti ĝian leĝon, tamen ne volas submetiĝi al la leĝoj kaj reguloj de Internacia Juro. De tio, diris S-ro. Piñó, devenas la militoj.

La paroladinto deklaris sian esperon

## DISCURSO DE D. ANDRÉS PIÑÓ EN EL ATENEO CIENTÍFICO

El día 6 de este mes, nuestro infatigable amigo pronunció un discurso en el Ateneo Científico de Valencia, desarrollando el tema «Utilidad que reportaría la existencia de una asociación internacional de carácter neutral con aplicación a todos los fines de la vida».

El Sr. Piñó, después de un corto preámbulo, haciendo notar que la lengua y la asociación son los principales fundamentos que coadyuvan al progreso de la Humanidad, estudió el Estado como sujeto de derecho, señaló la lógica contradicción resultante de comparar su proceder, ya que el Estado obliga a sus ciudadanos a respetar su ley, y sin embargo él, en sus relaciones con los demás Estados, no quiere someterse a las leyes y normas del Derecho Internacional. De ello—dijo el Sr. Piñó—traen su origen las guerras.

El orador abrigó la esperanza de que

rilate la eblecon ke la Eŭropa milito ne revenos, apoganta sian opinion sur certaj faktoj, kiuj determinas eblajn ŝanĝojn rilate la politikaj agadmanieroj de la militintaj nacioj, elmontranta la inklinon de la registaroj por la proletariaj klasoj kaj la eblan influon de la Societo de Nacioj, speciale la Internacia Justeca Tribunalo.

Nia amiko legis kelkajn paragrafojn el la brosuro publikigita de S-ro. Altamira pri la ideologia proceso de tiu tribunalo, precipe por eltiri konsekvencojn je la diskutado inter la jursciencistoj apartenantaj al la Komitato, rilate la decidon de oficiala lingvo por redakti la Regularon, kaj S ro Piñó rimarkigis la aŭskultantojn ke la komitato mendita redakti projekton de justeca tribunalo komencis sian agadon farante la maljustecon nei al kastila lingvo la legitiman rajton esti konsiderata kiel oficiala lingvo en tiu Regularo.

Pro tio S-ro. Piñó neis al tiu internacia estaĵo, neŭtralan karakteron tial ke ĝi ne rekonis la Gentan Leĝon pri suvereneco de la Ŝtatoj, kaj citis la teoriojn de Jhon Austin, Markizo de Olivart kaj aliaj aŭtoroj de internacia juro pri suvereneco.

De tio S-ro Piñó alvenis al la konkludo ke internaciaj institucioj por sin nomi neŭtralaj devas uzi neŭtralan lingvon, ĉar tiamaniere neniam altrudos unu la alian kaj ne superregos la rajto de la plej forta Ŝtato. Kaj revenante al la unuaj vortoj de sia parolado S-ro. Piñó certigis ke hodiaŭ jam ekzistas neŭtrala lingvo kaj neŭtrala internacia asocio, t. e. Esperanto kaj Universala Esperanto-Asocio. Pri la unua li ne volis paroli, ĉar laŭ li diris, ja estas konata de ĉiuj, pri la dua li diris ke estas mirinda asocio, kies regularon, celon kaj disvastiĝon li klarigis.

La lastaj vortoj de nia entuziasma samideano estis vera himno al la utileco,

no se repita la Guerra Europea, apoyando su creencia en ciertos hechos que determinan un posible cambio en los procedimientos políticos de las naciones que fueron beligerantes, puesta de manifiesto la inclinación de los gobiernos a las clases proletarias y en la posible influencia de la Liga de Naciones, especialmente del Tribunal de Justicia Internacional.

Nuestro amigo leyó algunos párrafos del folleto publicado por el Sr. Altamira acerca del proceso ideológico de dicho tribunal, principalmente para sacar la consecuencia de la discusión habida entre los jurisconsultos que formaban el Comité, en lo relativo al acuerdo de la lengua oficial en que se había de redactar el Reglamento, y el Sr. Piñó hizo notar a sus oyentes que el comité encargado de la redacción de un proyecto del tribunal de justicia comenzaba su labor cometiendo la injusticia de negar al idioma castellano el derecho legítimo de ser considerado como lengua oficial en aquel Reglamento.

Por tal motivo, el Sr. Piñó negó a esa entidad internacional el carácter de neutral, ya que desconocía el Derecho de Gentes en lo referente a la soberanía de los Estados, y citó las teorías de Jhon Austin, el Marqués de Olivart y otros autores de Derecho Internacional sobre soberanía.

De ello el Sr. Piñó llegó a la conclusión de que las asociaciones internacionales, para poderse llamar neutrales, deben usar un idioma neutral, porque de este modo nunca se impondrán los unos a los otros y no imperará el derecho del más fuerte Estado. Y volviendo a las primeras palabras de su discurso, el Sr. Piñó afirmó que hoy ya existen idioma neutral y sociedad neutral, esto es, Esperanto y la Asociación Universal Esperantista. Del primero no quiso hablar, porque, según dijo, es verdaderamente conocido de todos; de la segunda, manifestó que es una asociación admirable, cuyos Reglamento, objeto y difusión explicó.

Las últimas palabras de nuestro entusiasta *samideano* fueron un verdadero

praktikeco, helpemo, kaj nepreco de Universala Esperanto-Asocio, vera ekzemplo kaj unua paŝo de l'Homaro al la paca regno. Meze de grandaj aplaŭdoj finiĝis la parolado de S-ro. Piñó.

himno a la utilidad, practicidad, ayuda y necesidad de la Asociación Universal Esperantista, verdadero ejemplo y primer paso de la Humanidad al reinado de la Paz.

Con grandes aplausos terminó el discurso del Sr. Piñó.

## OFICIALAJ HISPANAJ REPREZENTANTOJ

por Konferenco de Parizo por enkonduko : : de Esperanto en la Sciencoj : :

Venkinte grandajn malfacilaĵojn kaj post interrilatiĝado kun S-ro. Rollet de L'Isle pro pri kaj por la Konferenco por enkonduki Esperanton en la Sciencoj, mi atingis, ke la Registaro nomu Reprezentantoj oficialaj la eminentan elpensinton, S-ron. Leonardo Torres Quevedo, S-ron. Vicente Inglada Ors kaj S-ron. Emilio Herrera. La tri estas tutmondfamaj, ĉiu de aparta scienca vidpunkto, sed la tri entuziasmaj je nia lingvo helpa: la unua konetas nur Esperanton, la dua estas konata de la tuta Esperantistaro, la tria parolas sufiĉe por interkompreniĝo. Ni povas esti kontentaj, ĉar ili lasos en Parizo agrablegan impreson pri nia Patrujo kaj pri la Hispana Esperantistaro, S-ro. Inglada estas ankaŭ tutmondfama kiel sciencisto pri tertremoj; S-ro. Herrera, kiel sciencisto pri aernavigacio, projektinta la vojaĝojn al Ameriko Suda, kies projekto baldaŭ efektiviĝos. Krom la tri, eble ĉeestos la Konferencon sufiĉe nombraj kompetentaj sciencistoj.

## REPRESENTANTES OFICIALES DE ESPAÑA

para la Conferencia de París acerca de la introducción del Esperanto en las Ciencias

Habiendo vencido grandes dificultades y tras una inteligencia prolongada con Mr. Rollet de L'Isle, de, en, con, sin, y sobre la Conferencia para la introducción del Esperanto en las Ciencias, he conseguido que el Gobierno nombre Representantes oficiales al eminente inventor don Leonardo Torres Quevedo, a D. Vicente Inglada Ors y a D. Emilio Herrera, cada uno de distinto punto de vista científico, pero los tres entusiastas de nuestra lengua auxiliar: el primero, apenas sabe el Esperanto; el segundo, es conocido de todos los esperantistas; el tercero habla bastante para dejarse comprender. Podemos estar satisfechos, ya que ellos dejarán en París una agradable impresión de nuestra Patria y de los esperantistas españoles; el Sr. Inglada es, además, de fama mundial, por lo que respecta a la ciencia sismológica; el Sr. Herrera como científico de la navegación aérea, que proyectó el viaje a la América del Sur, proyecto que pronto será un hecho. Además de los tres expresados, es posible que asistan a la Conferencia bastante número de competentes científicos.

### Parolante kun S-ro. Leonardo Torres Quevedo

Mi vizitis lin por sciigi al li ke li estos reprezentanta kun S-roj. Inglada kaj Herrera Hispanujon en la Konferenco aludita. Post la kutimaj komplimentoj, li plendis tial ke li estas tro okupata kaj

### Hablando con D. Leonardo Torres Quevedo

Yo le visité para comunicarle que sería representante de España, con los señores Inglada y Herrera, en la Conferencia aludida. Después de los saludos obligados, se quejó de su excesivo trabajo y

nenion diris al li pri la afero, kaj mi respondis:

—Mi estas kulpa pri tio; tial unue mi petas vian pardonon. Mi volis surprizi vin, ĉar alimaniere, se mi estus sciiginta vin pri la afero, eble vi estus malsukcesiginta mian laboron pro via okupado, kiun mi konas; sed nur estos unu semajno, kiun vi pasigos for de via laboro, kaj la graveco de la Konferenco postulas, ke vi ĝin ĉeestu. Due, akceptu la korajn salutojn de S-ro. Privat, kiu diris al mi en Vieno, ke mi esprimu al vi lian altan estimon.

La modesta, simpatia kaj eminenta sciencisto dankis, kaj afable babiladis kun mi pri Esperanto, kiun li juĝis kaj juĝas nepre necesa por la Homaro de ĉiuj vidpunktoj. Li ankaŭ estis mokata de sciencistoj pro sia esperantemo kaj super ĉio de eminentaj personoj el rondo scienca de l'Ateneo, kaj li diris:

—Tagon, mi diskutadis kun maljuna klerega sciencisto, kiun ni, ĉiuj, tre respektegis kaj la sciencisto diris al mi: «Ĉu vi ankoraŭ opinias, ke Esperanto sukcesos? Ĉu vi ne atentas, ke ni havis la latinan lingvon kaj ke ĝi ne sukcesis?»

—Ne estas tute same opinii pri Esperanto, kiel pri latina lingvo, ĉar Esperanto estas tute facila kaj latina lingvo tre malfacila; Esperanton oni povas lerni rapide kaj tute sole, sen profesoro, kaj latina lingvo postulas tro da tempo kaj penado.

—Pri la facileco mi dudas—diris la sciencisto.

—Aŭskultu kaj konscios la facilecon—kaj mi legis iujn paragrafojn esperantajn de gazeto, kaj tutplene ili komprenis kaj la sciencisto rediris:

—Tio estas kaŭze de elekto de vortoj kaj frazoj por interesi; t. e., la verkinto trompas la legantojn aŭ aŭskultantojn, aranĝinte la paragrafojn.

de que nada se le había notificado del asunto, y hube de decirle:

—Yo soy el culpable de eso; así que comienzo por pedirle perdón. Quise sorprenderle, porque de otra suerte, si yo le hubiese enterado a usted del asunto, casi con seguridad que usted me hubiese hecho fracasar mi labor por su laboriosidad, que conozco; pero tan sólo una semana estará usted alejado de su trabajo y la importancia de la Conferencia demanda que usted asista a ella. En segundo lugar, acepte los saludos cordiales del señor Privat, quien me dijo en Viena que expresara a usted su alta estimación.

El modesto, simpático y eminente hombre de ciencia, me dió las gracias y afablemente charló conmigo sobre el Esperanto, al que juzgó y juzga de toda necesidad para la Humanidad, bajo todos los puntos de vista. El también fué objeto de burlas por parte de algunos científicos por su inclinación al Esperanto y sobre todo por elevadas personas del corro científico del Ateneo y me decía:

—Cierto día, me hallaba discutiendo con un anciano e ilustradísimo hombre de ciencia, al que todos respetábamos en gran manera, cuando me dijo: ¿Usted aún opina que el Esperanto tendrá éxito? ¿Usted no tiene en cuenta que poseíamos el latín y que éste no tuvo éxito?

—No es totalmente igual opinar acerca del Esperanto como de la Lengua latina, porque el Esperanto es sumamente fácil y la lengua latina muy difícil; el Esperanto se puede aprender rápidamente, por uno mismo, sin maestro, y la lengua latina exige demasiado tiempo y fatiga.

—En cuanto a la facilidad, yo dudo—dijo el científico.

—Escuche usted y verá—: y leí unos párrafos en esperanto de una revista, que ellos comprendieron completamente y el científico replicó:

—Eso es debido a una elección de palabras y frases para interesar; esto es, el autor engaña a los lectores o a los que le escuchan, habiendo arreglado los párrafos.

—Jen—mi respondis—la gazeto; ĝi estis angla, kaj la teksto angla de unu kolono, estis esperanta en la alia kolono. Tiam ili miris, tamen restis skeptikaj.

—Mi iomete studis Esperanton je la komenco de ĉi tiu jarcento, sed mia laboro konstanta, ne permesante al mi praktiki kaj studadi, malsukcesigis mian deziron. Mi sukcesis pli skribi, ol paroli.

Mi rememoris nian komunan amikon, la tutmondfaman inĝenieron, S-ron. Rikardo Codorníu, kiu ĉiam interrilatiĝadis kun li ankaŭ pri Esperanto.

Afablege nia eminenta samlandano sin proponis por helpi nian laboron kaj mi profitis la okazon por insisti pri lia nepra ĉeesto al la Konferenco. Kaj samideane ni adiaŭis unu la alian.

J. M. R.

—He ahí la revista—contesté—. Esta era inglesa y el texto una columna en inglés, y la otra en esperanto. Entonces se admiraron; sin embargo, permanecieron escépticos.

—Estudié algo el Esperanto en el comienzo de este siglo, pero mi constante labor, impidiéndome practicar y seguir estudiando, malogró mi deseo. Conseguí escribirlo mejor que hablarlo.

Le recordé a nuestro común amigo el ingeniero de fama mundial, D. Ricardo Codorníu, quien constantemente correspondía con él, incluso acerca del Esperanto.

Amabilísimo, nuestro eminente compatriota se halló dispuesto a ayudar mi labor y yo aproveché la ocasión para insistir en que no dejara de asistir a la Conferencia. Y *samideanamente* nos despedimos el uno del otro.

J. M. R.

## Rimarko

Por konsciigi al S-roj. Torres Quevedo kaj Herrera la gravecon de nia movado, kaj stimuli ilin, mi opinias ke la samideanoj kiel eble plej nombre, per simpla poŝtkarto hispane skribita gratulu ilin. Adresoj: por la unua, strato *Válgame Dios, 3;* por la dua, Sección de Aeronáutica. Ministerio de la Guerra.

## Observación

Para dar idea a los Sres. Torres Quevedo y Herrera de la importancia de nuestro movimiento y estimularles, opino que los *samideanos*, en el mayor número posible, por simple postal escrita en castellano, les den la enhorabuena. Direcciones: para el primero, calle de Válgame Dios, 3; para el segundo, Sección de Aeronáutica, Ministerio de la Guerra.

# III^a Iberia Kongreso Esperantista

**Kordova. Loka Kongresa Komitato**

TRIA KOMUNIKO

1^e *Aliĝintoj* (dua listo).

10. S-ro. Julio Belenguer Nuez, Teruel.
11. » Narciso Bofill, Palma de Mallorca.

# III Congreso de Esperantistas Ibéricos

**Córdoba. Comité Local del Congreso**

TERCERA COMUNICACIÓN

1.º *Inscritos* (segunda lista).

10. D. Julio Belenguer Nuez, Teruel.
11. » Narciso Bofill, Palma de Mallorca.

12. S-ro. Pedro Naranjo Terán, Jerez de la Frontera.
13. » Antonio Carbonell Trillo-Figueroa, Córdoba.
14. S-ino. Adeline Adan, Gante (Belgio).
15. Esperantista Klubo, Palma de Mallorca.
16. S-ro. Andrés Piñó, Valencia.
17. » Manuel Caplliure, Valencia.
18. » Fernando Soler, Valencia.
19. Federacion Esperantista Levantina.

2e *Kongres libro.*

Nia multilustrita kongres-kaj gvidlibro nuntempe preparata por la presado aperos verŝajne dum la unuaj semajnoj de aprilo.

3e *Proponoj.*

Ni petas ĉiujn partoprenontojn aŭ aliajn samideanojn, kiuj intencas fari proponon pri aferoj rilate al Konfederacio, organizo, propagando, k. t. p., sendi tiujn proponojn ĝis plej malfrue 1a de majo al la prezidanto (S-ro. Francisco Serrano Olmo, Ambrosio de Morales, 10, Córdoba), aŭ al la Sekretario.

4e *Ekspozicio.*

Por aranĝi ampleksan, riĉenhavan, varbigan Kongres-Ekspozicion pri la tuta Esperanto-movado, ni varme petas ĉiujn kiuj disponas taŭgan materialon (afiŝoj, gvidiloj, foiranoncoj, lerniloj, broŝuroj, folioj, libroj...), ke ili bonvole sendu plejeble baldaŭ, donace aŭ ne; laŭdezire ni garantias kompletan resendon.

5e *Statistiko.*

Nia alvoko en la IIa komunico pri informoj por starigo de fidinda statistiko de la iberia esperantistaro ĝis nun ne trovis eĥon.

F. Serrano Olmo,
*Prezidanto.*

J. Berger,
*Sekretario.*

12. D. Pedro Naranjo Terán, Jerez de la Frontera.
13. » Antonio Carbonell Trillo-Figueroa, Córdoba.
14. D.a Adeline Adan, Gante (Bélgica).
15. Club Esperantista, Palma de Mallorca.
16. D. Andrés Piñó, Valencia.
17. » Manuel Caplliure, Valencia.
18. » Fernando Soler, Valencia.
19. Federación Esperantista Levantina.

2.° *Libro del Congreso.*

El libro ilustrado que para guía de los congresistas estamos preparando, aparecerá probablemente en las primeras semanas de abril.

3.° *Proposiciones.*

Rogamos a todos los participantes y a cuantos intenten hacer proposiciones sobre asuntos relativos a la Confederación, organización, propaganda, etc., envíen sus propuestas antes del 1.° de mayo, al presidente (Sr. Francisco Serrano Olmo, Ambrosio de Morales, 10, Córdoba), o al Secretario.

4.° *Exposición.*

Para organizar amplia, rica, atractiva Exposición durante el Congreso, mostrando el movimiento esperantista en toda su amplitud, pedimos fervorosamente a cuantos dispongan de material adecuado (carteles, guías, anuncios de ferias, gramáticas, folletos, hojas, libros...), que nos lo envíen cuanto antes, regalado o prestado, a voluntad, garantizando nosotros su devolución.

5.° *Estadística.*

Nuestra petición de informes, inserta en la segunda comunicación, con objeto de formar fidedigna estadística de los esperantistas ibéricos, hasta ahora no ha encontrado eco.

F. Serrano Olmo,
*Presidente.*

J. Berger,
*Secretario.*

# Programo de la XIIª Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio

## 21-24 DE MAJO DE 1925.—PALMA DE MALLORCA

### UNUA TAGO

*Matene:* Alveno de la gekongresanoj.—Prezentado ĉe la akceptejo por la disdonado de la gvidlibro kaj Kongresinsigno.—Vizito al la Aŭtoritatuloj.—Solena Meso kun esperanta prediko.—Malferma kunsido de la Kongreso.

*Posttagmeze:* Labora kunsido de la Kongreso.

### DUA TAGO

*Matene:* Ferma kunsido de la Kongreso.—Festo nomita «Floraj Ludoj».

*Posttagmeze:* Oficiala Festeno.—Koncerto.

*Vespere:* Kantaŭdaĵo de *Orfeó Mallorquí.*

### TRIA TAGO

*Matene:* Vizito al la urbo, al ĝiaj monumentoj, muzeoj, k. c.

*Posttagmeze:* Vizito al la ĉirkaŭaĵoj de la urbo.

### KVARA TAGO

Ekskurso al la famaj kavoj el Manacor.

---

Post la Kongreso oni povas efektivigi diversajn tre allogajn ekskursojn, nome: Al Sóller; al Valldemosa, Miramar, Deyá kaj Sóller; al Torento de Pareis; al la Monaĥejo de Lluch; al Pollensa; al Andraitx, Estallenchs, Bañalbufar kaj Esporlas. Ĉiun el tiuj ĉi ekskursoj oni povas efektivigi en unu tago.

---

## SCIIGOJ

Kun granda korsento ni devas komuniki al niaj legantoj malagrablan sciigon. S-ro. Casto Vilar García, la entuziasma pioniro de Esperanto en Andaluzio, mortis en urbeto Dos Hermanas (Sevilja Provinco) la 5an de pasinta februaro.

S-ro Vilar estis tre estimata persono en Sevilja; scipovis kelkajn lingvojn, inter ili la rusan; dum multenombraj jaroj okupis la postenon de profesoro de franca idiomo ĉe la tiea Liceo, kaj dediĉis preferan atenton al la Sevilja Esperantista Grupo, kies ĉiama defendanto li estis.

Al lia familio La Suno Hispana sendas samideanan saluton kaj sinceran kondolencon.

## NOTICIAS

Con gran sentimiento debemos comunicar a nuestros lectores una desagradable noticia. D. Casto Vilar García, entusiasta campeón de Esperanto en Andalucía, ha muerto en Dos Hermanas (Provincia de Sevilla), el 5 del pasado febrero.

El Sr. Vilar era persona muy estimada en Sevilla; poseía varios idiomas, entre ellos el ruso; durante muchos años ocupó el cargo de profesor de francés en aquel Instituto y dedicó preferente atención al Grupo Esperantista de Sevilla, del que fué constante defensor.

La Suno Hispana envía a su familia fraternal saludo y sincero pésame.

Al la sevilja esperantistaro, kiu funebras pro la morto de tiel grava pioniro, ni kuraĝigas kaj alparolas, ke, se la morto rabas al ni la eminentulojn, ni devas anstataŭi ilin kaj labori senĉese por ke la esperanta semo ne perdiĝu por ĉiam.

Preĝu al Dio por li, sed daŭrigu lian ekzemplon; tia estos la plej taŭga maniero por honorigi lin.

A los esperantistas sevillanos, que están de luto por la muerte de tan esforzado campeón, alentamos y decimos que si la muerte nos arrebata a nuestros eminentes, debemos sustituirlos y trabajar sin descanso a fin de que la semilla esperantista no se pierda para siempre.

¡Rogad a Dios por él, pero seguid su ejemplo; esa será la mejor manera de honrarle!

---

Nia Reĝa Moŝto Alfonso XIII[a] por premii la servojn de la Distinginda Sekretario de la Administra Konsilantaro de la asekura societo «La Antaŭvidantoj de la Estonteco», nia neforgesebla amiko kaj eksdirektoro de LA SUNO HISPANA, S-ro. Rafaelo Duyos Sedó, volis honorigi lin kun la titolo de Komandoro de la Reĝa Ordeno de Elizabeto la Katolika.

Ni gratulas nian estimatan samideanon okaze de tiel meritplena distingeco ricevita de li.

Nuestro Augusto Soberano D. Alfonso XIII, para premiar los servicios del distinguido Secretario del Consejo de Administración de la Sociedad aseguradora «Los Previsores del Porvenir», nuestro inolvidable amigo y ex director de LA SUNO HISPANA, D. Rafael Duyos Sedó, se ha servido honrarle con la Encomienda de la Real Orden de Isabel la Católica.

Felicitamos a nuestro querido *samideano* con motivo de tan merecida distinción recibida.

---

Laŭ sciigo, kiun ni ricevis de nia samideano el Barcelono, la konata farmaciisto D-ro. Bartoméu, la inteligenta inĝeniero kaj membro de la direktanta komitato de «Radio Barcelono», sinjoro Guillén, ĉeestos, kiel oficiala reprezentanto de Hispana Registaro, en la «2[a] Eŭropa Konferenco internacia pri Radiosendado», kiu okazos la 3[an] de aprilo en Ĝenevo, alvokita de la Sekretariaro de la Societo de Nacioj.

La entuziasmo de S-ro. Guillén por nia kara lingvo, ebligos esperi ke li voĉdonos favore ĉiujn demandojn, kiuj rilatiĝos pri la internacia lingvo.

Ĉe la unua konferenco, okazinta en la pasinta jaro, oni aprobis kelkajn konkludojn, publikigitajn en franca lingvo kaj tradukitajn al Esperanto; per unu el tiuj konkludoj oni petas la radiosendantajn staciojn, ke ili bonvolu trasendi regule konferencojn kaj kursojn de Esperanto.

Según noticia que recibimos de nuestro *samideano* de Barcelona, el conocido farmacéutico Dr. Bartoméu, el inteligente ingeniero y miembro del comité directivo de «Radio Barcelona», Sr. Guillén, asistirá, como representante oficial del Gobierno Español, a la segunda Conferencia Internacional Europea sobre radiodifusión, que tendrá lugar el 3 de abril en Ginebra, convocada por el Secretariado de la Sociedad de las Naciones.

El entusiasmo del Sr. Guillén por nuestra querida lengua, permite esperar que votará en pro de todas las cuestiones que se relacionen con la lengua internacional.

En la primera Conferencia celebrada el pasado año, se aprobaron algunas conclusiones, publicadas en francés y traducidas al Esperanto; en una de esas conclusiones se pide a las estaciones radioemisoras procuren transmitir con regularidad conferencias y cursos de Esperanto.

«Radio Barcelono» per la helpo de K. E. F. kaj pro la facilaĵoj, kiujn malavare liveris al ĝi S-ro. Guillén, plenumis tiun mendon, ĉar komence de la 1ª de aprilo, ĉiumerkrede je la naŭa vespere, kiel ni diras en alia parto de tiu-ĉi gazeto, S-ro. Doménech klarigos esperantan kurson por komencantoj, sinsekve klarigos alian praktikan kurson de Esperanto S-ro. Dalmáu, kaj poste S-roj. Rocamora, Grau, fraŭlino Castellví k. a. ankaŭ partoprenos en tiu radia propagando.

«Radio Barcelona», con la ayuda de K. E. F. y por las facilidades que le ha prodigado el Sr. Guillén, ha cumplimentado aquel cargo, pues a partir del 1.º de abril, todos los miércoles, a las nueve de la noche, como decimos en otro lugar del periódico, el Sr. Dalmáu explicará un curso de Esperanto para principiantes; a continuación explicará otro curso práctico de Esperanto el Sr. Dalmáu, y después los Sres. Rocamora, Grau, la Srta. Castellví y otros también tomarán parte en esa propaganda de la radio.

---

La unuan de aprilo, samideano Doménech komencos la klarigadon de radio-esperanta kurso pere de la sendestacio «Radio Barcelona». Kiel preparon de tiu afero, en tiu sama tago, je la naŭa horo vespere, la menciita S-ro. Doménech, diros paroladon hispanlingve, kaj Fraŭlino Castellví deklamos diversajn kantojn en Esperanto.

La radioparolado de S-ro. Dalmáu, okazinta la okan de tiu-ĉi monato, atingis gravan sukceson.

El 1.º de abril comenzará el *samideano* Doménech la explicación de un curso de esperanto por radio, utilizando la estación emisora «Radio Barcelona». Como preparación del asunto, en ese mismo día, a las nueve de la noche, el mencionado Sr. Doménech pronunciará un discurso en castellano y la Srta. Castellví recitará diversas composiciones en Esperanto.

La radioconferencia del Sr. Dalmáu, que tuvo lugar el día 8 de este mes, alcanzó un grandioso éxito.

---

En Oviedo (Asturias-Hispanio) verŝajne oni publikigas monatan hispan-esperantan gazeton, kies duan numeron ni estas ĵus ricevintaj. Ni scias nenion pri la nova esperanta gazeto, ĉar hazarde alvenis en niajn manojn tiu ekzemplero; tamen, laŭ la teksto, kiun ni tralegis, ĝi aspektas privata entrepreno de nia malnova samideano kaj Delegito de U. E. A., sinjoro Francisko Fernández Braga, fama ĉokoladfabrikisto el tiu provinca ĉefurbo.

La nomo de tiu gazeto estas *Diagonal*.

Malgraŭ ke ni ricevis nek avizon pri la aperado de tiu gazeto, ni gratulas ĝian Direktoron kaj Redaktoraron, kaj deziras al nova kolego longan kaj prosperan vivadon.

En Oviedo (Asturias-España), se publica, al parecer, una revista hispano-esperantista, cuyo segundo número acabamos de recibir. Nada sabemos de la nueva revista esperantista, pues por azar llegó a nuestras manos ese ejemplar; sin embargo, por el texto, que hemos leído, parece empresa privada de nuestro antiguo *samideano* y Delegado de la U. E. A., don Francisco Fernández Braga, famoso fabricante de chocolate de aquella capital de provincia.

La revista se llama *Diagonal*.

A pesar de que ni siquiera hemos recibido aviso de la aparición de esa revista, felicitamos a su Director y Redactores y deseamos al nuevo colega larga y próspera vida.

---

Antaŭ ne multe, ni ricevis la viziton de nia entuziasma propagandisto sinjoro Máñez, kiu sciigis nin ke, krom la tre tre

Hace poco recibimos la visita de nuestro entusiasta propagandista Sr. Máñez, quien nos comunicó que, además del

vigla esperanta laboro, kiun li faras en Cheste, la movado kreskas de tago al tago en la urbo Chiva, kie nun oni estas organizanta esperantan kurson por komencantoj.

Ankaŭ diris al ni S-ro. Máñez ke en Paterna, multe laboras por Esperanto alia chestano, soldato de artileria regimento en tiu kazerno.

activo trabajo esperantista, que él realiza en Cheste, el movimiento crece de día en día en la villa de Chiva, donde actualmente se organiza un curso de Esperanto para principiantes.

También nos dijo el Sr. Máñez que en Paterna labora por Esperanto otro chestano, soldado del regimiento de artillería en aquel cuartel.

---

## La Teruel'aj Geamantoj

I

Isabel de Segura kaj Diego Marcilla estis du geknaboj, kiuj loĝis en la provinca ĉefurbo hispana Teruel, dum la XIII[a] jarcento. Ŝi estis belega fraŭlino, el familio tre riĉa kaj de nobela deveno: li apartenis al tre grava familio, sed ne tiel riĉa kaj altranga kiel la ŝia.

Ili amis sin reciproke, jam de longe, sed kiam Diego deklaris al Don Pedro de Segura (patro de Isabel) la amon, kiu ligis ilin, la patro de Isabel respondis ke ne povis akcepti lin, kiel bofilon, ĉar lian familion li ne konsideris tiel altrangan kiel la sian. Diego rediris ke li, por atingi lian permeson, estis preta alesti la maŭran militon, kaj demandis al Don Pedro ĉu ĉe sia reveno el la milito kun gloro kaj riĉeco Don Pedro akceptos lin, kiel edzon de Isabel? Don Pedro jesis kaj konsentis, kaj la fraŭlo rapidiris al sia hejmo per pretiĝi kaj prepari la vojaĝon; sed antaŭ ol foriri el la urbo, li iris ĉe Isabel kaj komunikis al ŝi kun granda ĝojo tiun novaĵon. En tiu-ĉi lasta amrandevuo de la gefianĉoj Diego promesis al ŝi ke li revenos post kvin jaroj riĉa kaj triumfanta, aŭ, en alia okazo, ke ŝi restos libera, ĉar certe anstataŭ gloron kaj riĉecon li estos havinta morton. Ŝi ne volis ke la fianĉo pereos kaj preferis ke li restu en Teruel kvankam ili neniam povos atingi sian revan celon; sed li insistis pri la alprenita firma decido. Tiam ŝi promesis al li ke ŝi aten-

## Los Amantes de Teruel

I

Isabel de Segura y Diego de Marcilla eran dos muchachos que habitaban en la capital de provincia española, Teruel, en el siglo XIII. Ella era una bellísima joven, de familia muy rica y de noble abolengo: él era también de muy buena familia, pero no tan rica ni elevada como la de aquélla.

Ambos se amaban ya desde mucho tiempo, pero cuando Diego declaró a don Pedro de Segura (padre de Isabel), el amor que les unía, el padre de Isabel le contestó que no podía aceptarle como yerno porque no consideraba a su familia de tan alto rango como la suya. Replicó Diego que, para alcanzar su permiso, estaba dispuesto a tomar parte en la guerra contra los moros y preguntó a D. Pedro si, a su regreso de la guerra, con gloria y riquezas, le aceptaría como marido de Isabel. D. Pedro asintió y dió su consentimiento, y el joven marchó presuroso a su casa para disponerse y preparar el viaje; pero antes de salir de la ciudad fué a casa de Isabel y le comunicó con gran alegría esta novedad. En esta última entrevista amorosa de los novios, Diego le prometió que en el término de cinco años volvería rico y triunfante, o de no ser así, ella quedaría libre, pues seguramente en lugar de gloria y riquezas él habría encontrado la muerte. Ella se opuso a que el novio pereciera y prefería que se quedara en Teruel, aunque nunca pudieran al-

dos lin kvin jarojn. Diego rapidiris al sia hejmo de nove, preparis la lastajn aferojn por la vojaĝo, adiaŭdiris al siaj gepatroj kaj, en la sama vespero, ankoraŭ volis revidi, eble lastafoje sian amatinon. La adiaŭa momento de la geamantoj estis tiel kortuŝa ke ŝi svenis en la brakojn de maljuna servistino kiu zorgis pri ĝi atenteme.

La sekvintan tagon, frumatene, Don Diego de Marcilla, rajdanta sur potenca ĉevalo ekmarŝis el Teruel tra la vojo al Zaragozo, kun premo en la koro kaj iluzio en la kapo.

II

El Zaragozo Don Diego Marcilla translokiĝis al Toledo, kie estis organiziĝanta multenombra militistaro de kristanaj kavaliroj per batali kontraŭ la maŭroj, kiuj regadis plej grandan parton de la Preskaŭinsulo.

La 20an de junio 1212a forlasis Toledon la kristana armeo, en tute 40.000 infanterianoj kaj 10.000 rajdantuloj, sub la gvidado de la fama militestro Don Diego López de Haro.

La 16an de julio komencis la grandega batalo konata per la nomo de *Las Navas de Tolosa*. La Mahomedana militestro estis Mohamed-ben-Yacub, imperiestro de la Almohadoj.

La tuta kristana armeo estis sub la kvidado de Don Alfonso VIII, reĝo de Castilla, akompanata de Don Pedro II, reĝo de Aragono, kaj Don Sancho VII, reĝo de Navarra.

Dum la batalo ĉiuj vidis la aragonan kavaliron, kiu bataladis kuraĝe kaj heroe kvazaŭ vera frenezulo.

Fine la venko decidiĝis por la kristanoj kaj en la momento disdoni la grandegan kaj multvaloran akiraĵon, la reĝo Alfonso VIII vokis la aragonan kavaliron Don Diego de Marcilla kaj donacis al li grandvaloran parton de tiu akiraĵo, kompense de lia fervoro kaj efiko dum la batalo.

canzar su soñado designio, pero él insistió en la firme decisión tomada. Entonces ella le prometió que le esperaría cinco años. Diego corrió de nuevo a su casa, preparó los últimos detalles del viaje, se despidió de sus padres y en la misma noche quiso ver todavía, quizá por última vez, a su amada. El momento de despedida de los amantes fué tan conmovedor que élla se desvaneció en los brazos de una camarera anciana, quien la atendió cuidadosa.

Al día siguiente, muy temprano, don Diego de Marcilla, cabalgando sobre brioso caballo, salía de Teruel por el camino de Zaragoza, con el corazón oprimido y la cabeza llena de ilusiones.

II

De Zaragoza se trasladó D. Diego de Marcilla a Toledo, donde se estaba organizando un numeroso ejército de caballeros cristianos para guerrear contra los moros que dominaban la mayor parte de la Península.

El 20 de junio de 1212, abandonaba Toledo el ejército cristiano, compuesto de 40.000 infantes y 10.000 jinetes, a las órdenes del famoso caudillo D. Diego López de Haro.

El 16 de julio comenzó la grandísima batalla conocida con el nombre de *Las Navas de Tolosa*. Mandaba a los mahometanos Mohamet-ben-Yacub, emperador de los Almohades.

Todo el ejército cristiano era mandado por D. Alfonso VIII, rey de Castilla, acompañado por D. Pedro II, rey de Aragón, y D. Sancho VII, rey de Navarra.

Durante la batalla todos pudieron ver al caballero aragonés, que peleaba brava y heroicamente, como poseído de un verdadero frenesí.

Finalmente, la victoria se decidió por los cristianos y en el momento de distribuir el enorme y rico botín, el rey Alfonso VIII llamó al caballero aragonés D. Diego de Marcilla y le regaló una parte de tan valiosa adquisición, en recompensa de su entusiasmo y ayuda durante la batalla.

Daŭrigis poste aliaj bataloj ĝis oni purigis la kastilan landon je mahomedanoj, sed post la fino de unu el tiuj lastaj bataloj, kiam oni legis la liston de partoprenintoj, mankis Don Diego de Marcilla: li ne mortis sed li restis kaptita de la mahomedanoj.

III

Intertempe, kio okazis en Teruel?

Don Pedro de Segura diris al sia filino Isabel, por ke ŝi ne plu pripensu pri sia fianĉo, ke Don Diego mortis en milito kaj ke ŝi devus forgesi lin kaj elekti alian fianĉon por edziniĝi, ĉar la patro sentis sin maljuniĝi kaj ne volis morti vidante ŝin fraŭlino, kaj fine ke ŝi estis en la okazo edziniĝi kun tre nobela kaj tre riĉa fraŭlo nomata Don Rodrigo de Azagra, frato de la moŝta Sinjoro reganto de Teruel.

Kompreneble, Isabel rifuzis tiun proponon, kaj rifuzis ĝin tiom da fojoj kiom Don Pedro parolis al ŝi pri tiu afero; kaj aldonis ke ŝi promesis atendi la forrestanton dum kvin jaroj, kaj ke post kiam tiu tempo estos pasinta, ŝi, nur por komplezi sian patron, konsentos kvankam ŝi certigis al sia patro ke neniam ŝia koro apartenos al alia persono ol al Don Diego Marcilla.

Don Pedro de Segura konsentis kun sia filino Isabel pri tiu dato, kaj kiam jam la kvin jaroj estis preskaŭ finiĝantaj, kaj tial ke en tiu tempo oni ricevis en Teruel nenian novaĵon pri Don Diego Marcilla, de nove Don Pedro rememoris al sia filino Isabel la promeson. Ankoraŭ ŝi postulis de sia patro unu tagon pli por koncentrigi en si ĉiujn siajn pensojn, kaj sentojn, kaj la sekvantan tagon kiam Isabel de Segura kaj Don Rodrigo de Azagra estis forlasantaj la preĝejon (Sankta Petrus parohejo el Teruel), meze de la granda amaso da vilaĝanoj oni povis ekvidi ian kavaliron, kiu kaŝite estis observanta ĉion konfuzite inter la personaro.

*(Daŭrigota)*

Siguieron después otras batallas hasta que se limpió el territorio castellano de mahometanos, pero después de una de aquellas últimas, cuando se leyó la lista de los que habían tomado parte, faltó don Diego de Marcilla: no había muerto, pero había quedado cautivo de los mahometanos.

III

Entre tanto, ¿qué ocurría en Teruel?

D. Pedro de Segura dijo a su hija Isabel, para que ésta no pensara ya más en su novio, que D. Diego había muerto en la guerra y que ella debía olvidarle y elegir otro novio para casarse, pues el padre se sentía envejecer y no quería morir viéndola soltera, y finalmente, que ella tenía ocasión de casarse con un joven muy noble y muy rico llamado D. Rodrigo de Azagra, hermano del señor regidor de Teruel.

Claro está, Isabel rehusó esa proposición, y la rehusó tantas veces cuantas su padre la habló de ese asunto, y añadió que ella había prometido esperar al ausente durante cinco años y que cuando ese tiempo hubiera pasado, ella, sólo por complacer a su padre, consentiría, aun cuando aseguraba a su padre que su corazón nunca pertenecería a otra persona que a D. Diego de Marcilla.

D. Pedro de Segura convino con su hija Isabel esa fecha, y cuando los cinco años casi habían terminado y por lo mismo que en todo ese tiempo no se había recibido en Teruel ninguna noticia de don Diego de Marcilla, de nuevo D. Pedro recordó a su hija Isabel la promesa. Todavía exigió ella de su padre un día más para concentrar en sí todos sus pensamientos y sentidos, y al día siguiente, cuando Isabel de Segura y D. Rodrigo de Azagra abandonaban la iglesia (San Pedro, parroquia de Teruel), en medio de la gran turba de aldeanos se pudo percibir a cierto caballero, que ocultamente estaba observándolo todo, confundido entre el personal.

*(Continuará)*

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA

# 10000

membrojn
devas
havi

# UEA

en 1925

Aliĝu tuj por atingi

# 10000

**Aliĝojn akceptas ĉiu loka Delegito.**
**Uzu la aldonitan aliĝilon.**